Action pour le Progrès de l'Espéranto au Togo
APETo

revuo
# Babilanto

INFORMILO DE AGADO POR LA PROGRESIGO DE ESPERANTO EN TOGOLANDO

n-ro 12 julio – septembro 2015



Karaj legantoj,
Julio 2012 - julio 2015: la revuo Babilanto estas trijaraĝa!

Ni ĝojas kaj feliĉas en tiu ĉi momento. Same kiel trijara infano ankoraŭ dependas de siaj gepatroj, ne forgesu subteni la revuon kaj skribi al ni viajn rimarkojn.

Post la ĵus antaŭa eldono multaj aktivaĵoj disvolviĝis. Vi trovos kelkajn el tiuj okazaĵoj en tiu ĉi numero.

Cele al la sesa Afrika Kongreso de Esperanto en la proksima jaro ni devas ĉiuj labori. Ni nepre sukcesigu ĝin, dankon por via kontribuado!

[Aĝevi Aĝe]

*Chers lecteurs,*
*Juillet 2012 - juillet 2015: la revue Babilanto célèbre ses trois ans!*

*Nous sommes animés par un sentiment de joie et de gratitude. Tout comme un enfant de trois ans dépend encore de ses parents, ne manquez pas de soutenir la revue et de nous envoyer vos remarques.*

*Depuis la dernière parution beaucoup de choses se sont produites. Vous trouverez quelques unes de ces activités dans ce numéro.*

*Le 6e Congrès Panafricain d'Esperanto l'année prochaine doit être l'objet de tous nos efforts. Nous devons le réussir, merci d'y contribuer!*

***Adjévi Adjé***

## Ĉu vi konas Rumonge?

**Lillo estas konata urbo inter Esperantistoj, same kiel Seulo, Bjalistoko, Roterdamo, Budapeŝto, Bonaero ktp. Ĉu ankaŭ Rumonge estas konata de vi?**

**Jen Afrikanoj sugestas, ke la sesa Afrika Kongreso de Esperanto (AKE) povu esti okazo de via persona konatiĝo kun tiu urbo en Burundo.**

**Fakte AKE-6 okazos inter la 13-a kaj 20-a de aŭgusto 2016, en Rumonge, Burundo sub la temo "*Esperanto, ilo de paco kaj disvolviĝo*". Pro favoraj geografia situo de la kongresa urbo kaj partoprentkotizoj, laŭ la atendoj de la organizantoj, ĝi estos la plej granda Tutkontinenta Esperanto-renkontiĝo dum la 2000aj jaroj...**

**Kontaktinformoj de la Kongresa Organiza Komitato (KOK) estas : ake-2016@yahoogroupes.fr, la retpaĝaro: www.esperanto-afriko.org**

**Plia vasta diskonigo de tiu ĉi noto pri la 6-a AKE estas tre bonvena.**


Babilanto
Rumonge invitas
la 6-an Afrikan Kongreson de Esperanto en 2016


Babilanto
Burundo: organizanto de la 6a Afrika Kongreso de Esperanto en 2016

# De revo al realeco: Babilanto jam tri jarojn !




Ĉi-jare, krom la 128-an naskiĝdaton de la apero de la unua libro de Esperanto en 1887, ni memorfestas la trian datrevenon de la revuo “Babilanto“. Danke al tiu ĉi periodaĵo ĉiuj, kiuj havas interesiĝon pri Esperanto en Afriko estas regule informitaj.

En tiu momento de la trijariĝo de la revuo, mi havas senton de ĝojo kaj dankemo. Kvankam nur kun ses paĝoj, “Babilanto“ tamen estas la sola kolora periodaĵo preparata de Afrikano en la kontinento por regule informi la ceterajn Esperantistojn. Ĝi estas redaktata kaj eldonata kadre de APETO - Agado por la Progresigo de Esperanto en Togolando, ekde julio 2012.

Kiam mi anoncis mian planon krei ĉi tiun bultenon, iuj kolegoj ne komprenis mian senkondiĉan sindonemon, kaj tuj suspektis min. Oni rakontis aĉajn aferojn pri mia personeco. Tamen, mi ne malkuraĝiĝis, mi arigis miajn magrajn rimedojn por konkretigi tiun ĉi projekton. Mi ne havis bonan komputilon, nek havis grandan lertiĝon pri informadiko sed mi povis enmeti la semon en la teron... kaj hodiaŭ la projekto estas salutata tra la mondo.

La plej gravaj malfacilaĵoj nuntempaj konsistas el tio, ke la revuo ankoraŭ ne haveblas en la papera formo. Ĝi ne atingas multajn samideanojn, kiuj havas malfacilan retaliron en la kontinento. Iuj legantoj parolas pri la revuo al siaj amikoj kun deziro donaci ĝin al ili, sed bedaŭrinde ilia deziro ne kontentiĝis. Ankaŭ, inter la plej gravaj problemoj menciindas tiuj en rilato kun informadika ilaro kaj financoj. Mi ne havas modernajn informadikajn ilojn, kiuj povas faciligi mian laboron. La tajpado kaj enpaĝigo de la informoj okazas nun danke al malnova komputilo donacita de amikino, dum la enretigo okazas en retkafejo.

Perspektive, ni laboros por stabiligi la regulan aperritmon de la revuo por ke ĝi ne aperu kun malfruo aŭ ĉesu subite aperi, preparante mian posteulon. Ni ankaŭ pensas sendi la revuon al pluraj redaktejoj interŝanĝe. Ni esperas baldaŭ komenci presi la ĵurnalon kun ambicio atingi la plej grandan nombron de Esperantistoj en la kontinento.

Dankon al ĉiuj, kiuj proksime kaj malproksime daŭre fidas kaj subtenas min.

**Adjévi Adjé**

# Bela atingo por ILEI, ankaŭ por Afriko

138 personoj el 30 landoj partoprenis la 48-an konferencon de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI), de la 17-a ĝis la 25-a de julio 2015 en Ostendo, Belgio. Dum la konferenco sesiumis la komitato, kiu faris gravajn decidojn i.a la renovigon de la estraro por la nova ofic-periodo.

Unuafoje la Ligo havas afrikan estraranon, eĉ je gravega posteno (sekretario), en la nomo de s-ro Emile Malanda Nyanga el Sudafriko.

Emile eklernis Esperanton en la jaro 1987. Li estas prezidinto de DKEA – Landa Asocio en DR Kongo (2003-2006), individua membro de UEA (ekde 1997), ano de Afrika Komisiono (ekde 2001), komitatano de EASA - landa asocio en Sud-Afriko (2011), fondinto kaj Sekciestro de la sudafrika ILEI-Sekcio (2013), fondinto en 2014 de la NRO “Interkultura Centro de Vivantaj Lingvoj“, sekretario de ILEI (2015). Emile ankaŭ laboris kiel konsilisto, esploristo pri sociaj sciencoj, lekciisto en altlernejo en DR Kongo kaj nun specialiĝas pri eduka psikologio en Sudafriko, kie li ekloĝis en 2009.

La ceteraj estraranoj estas:




Mireille Grosjean, Prezidanto, Svislando; William Harris, Kasisto, Usono; Xiaofeng Gong, Ĉinio; Radojica Petrovic, Serbio; Elena Nadikova, Ruslando kaj Ivan Colling, Brazilo.

## Afrika Kunveno dum la UK

Marde, la 28-an de julio 2015, okazis la informkunveno de la Afrika Komisiono en la ĉambro Pauli. 40 kongresanoj ĉeestis la kunsidon dum plena horo. Mark Fettes, prez. de UEA momente ĉeestis kaj Stefan MacGill, vic-prez. klarigis AMO-seminarion.

Ĉefe mi prezidis la kunsidon anstataŭ la kunordiganto de la Afrika Komisiono.

Unue, Viktor Lufimpu parolis pri sia landa movado kaj kunlaboro kun TAKE.

Due, Mireille Grosjean klarigis nunan afrikan movadon kaj ILEI.

Trie, Latifou Gbadamassi el Benino parolis pri sia landa E-movado kaj Bernard Gnancadja, junulo, aldonis junularan movadon.

Kvare, Ferdinand Kinkani el Angolo, kiu loĝas en Francio parolis pri sia landa movado. Kvine, s-ino Justine Ralalarisoa el Madagaskaro raportis sian landan movadon.

S-roj Jean Bosco Malanda el Kongo kaj Prince Oguinye el Niĝerio ne povis ĉeesti en la kunsido ĝis la fino verŝajne pro okupiteco pri alia afero.

Mi raportis, ke en la kongresejo mi kaj Bernard vendis la libron 'Afrikaj Proverboj' kaj kolektis 440 eŭrojn. Krome mi ricevis 500 eŭrojn de ĉina samideano anonime. Sume 940 eŭrojn mi donis al kasistino de UEA Stanka en la kongresejo por Afrika Fondaĵo.

440 eŭroj estis donacitaj nome de Adjevi, kio aperos en revuo Esperanto. Se vi estus en la kongresejo, ni povus fari kaj vendi pli brile. Estis domaĝe.

Kaj plurfoje Mark kaj mi akcentis en pluraj kunsidoj, ke la 6a AK okazos ne en tiu ĉi jaro sed venontjare. Unu horo estis tro mallonga, tial mi ne havis tempon paroli sufiĉe, sed enhave estis kontenta.

**Lee Jungkee**

## Afrikanoj ne abundis en la ILEI-Konferenco, nek en la UK



Aperis Latifou Gbadamassi el Benino. Bedaŭrinde en Lille li malsaniĝis kaj devis iri al hospitalo pro malario.

Aperis Bernard Gnancadja el Benino, junulo. Komence timida, li bele evoluis dum 2 semajnoj al pli memfida sinteno; tre ĝojiga konstato. Li partoprenis la futbalmatĉon kaj multaj spektantoj kriis lian numeron 11 kun ardo.

Aperis Prince Oguinyie el Niĝerio.

Aperis Viktor Lufimpu Lukala el DR Kongo, kiu nuntempe loĝas en Francio. Kun LEE Jungkee, estrarano de UEA pri Afriko li gvidis la kunsidon pri Afriko.

Aperis Jean-Bosco Malanda el DR Kongo.

Aperis Fernando Kinkani el Angolo, kiu nuntempe loĝas en Francio.

Mi nomas ilin laŭmemore, mi esperas, ke mi forgesas neniun.

Aŭdiĝis en diversaj gravaj momentoj la mencio, ke 12 afrikanoj ne akiris vizon kaj pro tio ne povis veni. Okaze de la salutado de ĉiuj landoj dum la malfermo. Okaze de la kunsido de Afrika Komisiono. Okaze de la Internacia Arta Vespero. Konsekvence ĉiuj kongresanoj povis konsciiĝi pri tiu fakto.

Tamen la kongresanaro estis tre bunta pro la apero de pluraj brunhaŭtuloj el Kubo kaj Orienta Timoro.

**Mireille Grosjean**

---

**Aldonindas, ke dum la informkunveno de la Afrika Komisiono dum la 100-a Universala Kongreso de Esperanto en Lillo, prelegetis ankaŭ s-ro Alain CASIEZ. Kiel sekretario de *Esperanto Plus*, li prezentis la asocion, ĝiajn agadojn favore al disvastigo de Esperanto en Afriko t.e en Togolando danke al Adjévi, en Madagaskaro danke al Henriel, en Sud-Kivuo danke al Ĵeremia kaj en Tanzanio danke al Mramba.**

**Li ankaŭ prezentis Instituton Zamenhof, kiu daŭre ricevas financan subtenon de la asocio "Une école au Togo".**

**Alain CASIEZ**

# Kial Afrikanoj ne venis multnombre en Ostendo kaj Lillo ?

Estas deziro de multaj Afrikaj Esperantistoj partopreni en la UK kaj ILEI-Konferencoj por ĝui la internacian etoson, sed la kongresaj aliĝkotizoj kaj vojaĝkostoj estas altaj por multaj el ili. Eĉ tiuj, kiuj iel sukcesas aliĝi al tiuj prestiĝaj aranĝoj devas ankoraŭ alfronti malfacilaĵojn, kiuj foje malebligas la vojaĝon al la koncerna renkontiĝo.




Al la ĵus pasinta jubilea UK en Lillo 2015 aliĝis dudeko da afrikanoj. Nur 6 povis fine aperi en la kongresejo. 2 el ili jam loĝas en Eŭropo kaj 4 aliaj povis el Afriko sukcese akiri vizojn. Estis vere surprizo, la fakto ke tiuj, kiuj iam eĉ vojaĝis alikontinente kaj revenis hejmen antaŭ la fino de la valideco de sia vizo (ekzemple Emile Malanda el Sudafriko kaj mi), ne sukcesis partopreni la kongreson pro problemo de vizo.

La 13-an de julio, post pago de ĉ 8 eŭroj kontraŭ rendevuo en la konsulejo, mi prezentiĝis kun mia vizdosiero el invitiloj de ILEI, UEA, kvitanco pri pagitaj restado kaj transporto en la kongresa lando, asekuro, pruvoj pri sufiĉaj financaj rimedoj, atesto de rezervitaj flugoj. Estis longa vico de homoj en la atendejo, sed post iom da pacienco fine venis mia vico kaj mi povis prezenti la peton kaj pagi 60 eŭrojn por la vizo (tiu sumo ja multas por togolandanoj, ĉar la averaĝa salajro enlande estas 52.5 EUR). Oni donis kvitancon kaj anoncis la tagon de ricevo de la vizo.

Mi pretigis min, preparis prelegetojn pri Afrika Agado, aĉetis diversajn bezonaĵojn kaj donacaĵojn por la vojaĝo kaj anoncis mian baldaŭan foreston al familianoj. Kiam mi reiris serĉi la pasporton la trian tagon, oficistino el la giĉeto anoncis, ke mia vizo estas rifuzita pro “ *Les informations communiquées pour justifier l'objet et les conditions du séjour envisagé ne sont pas fiables*“ [la prezentitaj informoj por pravigi la celon kaj kondiĉojn de la antaŭvidita restado ne fidindas]. Seniluziigite, mi tamen ricevis mian pasporton, sed ne la pagitan monsumon.

UEA estas sufiĉe mondkonata asocio kaj la kongreso en Lillo ne nuliĝis, certe devis esti miskompreno. Necesas eksteraj intervenigoj por rapida klarigo de la situacio. La prez. de la Franca Landa Asocio (UFE), la prez. de UEA kaj francaj geamikoj, tre afablaj kaj pretaj helpi, provis interveni diversmaniere al la konsulejo. Ili faris sian plej eblon: ĉiu retumis, faksumis kaj telefonis al la konsulejo. Ĉio estis provita malsukcese. Ŝajnis, ke ĉiuj deko da kontaktadresoj de la konsulejo ne funkciis.

Sekve multaj E-istoj seniluziiĝis pro mia malĉeesto en la kongreso, same kiel por aliaj ĉar ni certe meritis tion. Retletero de la vic-prezidanto de UEA kaj ĉefe de la estrarano pri Afriko s-ro Lee sincere montris grandan bedaŭron kaj ian kulpeman senton ne pravan.

Kion fari ? Tia estas la viza sistemo kun la francaj diplomatiaj domoj. Kio ankoraŭ pli tiklas estas, ke nuntempe en multaj afrikaj landoj la francaj konsulejoj rajtiĝis ricevi kaj trakti valide vizpetojn por multaj landoj de la *Schengen* zono, kiuj ne havas aŭ fermis siajn konsulejojn en unuopaj afrikaj landoj.

Ni esperu, ke por la venonta UK, la LKK antaŭe sukcesos ligi rilatojn kun ĉiuj landaj konsulejoj, kies civitanoj estos subvencie prelegvojaĝontoj de UEA, por tiel faciligi la akiron de vizoj. Alikaze, la interveno post decido pri rifuzo povos nur efiki malsukcese, kiel por la 100-a UK. Ankaŭ la invitiloj de UEA kaj ILEI devos esti verkitaj plej konvene laŭ la postuloj de *Schengen*. La ĝisnunaj tradiciaj invitiloj de UEA kaj ILEI kun ĝenerala enhavo jam montris sian limon.

# DR Kongo: memore al 12-a de aŭgusto....


Muzikgrupo “anĝeloj“

Merkrede, la 12-an de aŭgusto 2015 la Esperantista junularo de DKEA - landa asocio en DR Kongolando celebris la internacian Tagon de la junularo.

La ceremonio estis etosplena, vigla kun ne priskribebla bunteco. La salono Yenge, kiu servis kiel kadro por la aranĝo, vibris laŭ la ritmo de la muziko prezentita de la “anĝeloj“, muzikgrupo de la pedagogia universitato en Kinŝaso. Sekvis la prezentado de teatraĵo pri Kimpa Vita, 22 jaraĝa junulino fajrobruligita de portugaloj en dek-sepa jarcento. Ĉio bone disvolviĝis.

**JP Lungikisa**

# Nova lerno-libro el DR Kongolando

*Esperanto mu Kikongo* [Esperanto el Kikongo] estas la titolo de nova lerno-libro el DR Kongolando. Ĝin verkis kaj eldonis Esperantisto Batangu Mpesa, membro de la landa asocio DKEA. S-ro Batangu estas profesie lingvisto, li antaŭ ne longa tempo esperantistiĝis. La apero de tiu lia libro estas bona atingo por la Movado en Kongo. Per ĝi multaj novaj Esperantistoj certe naskiĝos.

Kikongo estas unu el la naciaj lingvoj en Kongo.




# Partoprenigu Afrikanojn

Cento da Afrikanoj arde deziras partopreni en la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto (AKE), kiu okazos en Rumonge, sude de Burundo, de la 13 -a ĝis la 20-a de aŭgusto 2016, kun-lige kun la tria afrika AMO-seminario de UEA. Ili ĉiuj estas pro-gresemaj Esperantistoj kaj repre-zentontoj el afrikaj landaj asocioj kaj kluboj. AKE-6 estas okazaĵo por la partoprenontoj studi la problemojn de la movado en Afriko, labori, lerni, malkovri kaj fortigi la amikajn rilatojn inter ili.

La aliĝkotizo de la kongreso estas de 2 ĝis 10 eŭroj por Afrikanoj. Malgraŭ relative modestaj kotizoj, multas samideanoj en la kontinento, kiuj ne sukcesos pagi siajn vojaĝ-kostojn al la kongreso. Kial ni ne helpu al tiuj geamikoj aŭ al la kon-greso mem? Sufiĉas sendi donacon de 20 eŭroj aŭ pli al la konto Afriko ĉe UEA kun indiko "AKE-2016". Por pli da informoj oni bonvolu skri-bi al: ake-2016@yahoogroupes.fr

Danke al viaj donacoj, inter la meritplenaj Afrikanoj sufiĉe multe da Esperantistoj estos invit-otaj prioritate el la najbaraj landoj, kie la movado estas relative forta. Vi povos ankaŭ rekte pagi por la invit-oto la vojaĝbiletojn kaj sendi al li aŭ ŝi, se vi dezirus. Ĉiukaze, vi rajtos peti de la organizantoj de la 6-a AKE informojn pri tiuj subvenciotoj kaj raportojn pri la kongreso. Ni certas, ke via bonvola aliĝo al tiu ĉi kamp-anjo brile kontribuos verdigi Afrikon.

La partoprenontoj de AKE-6 estas vervaj kaj aktivemaj. Bonvolu sen-hezite helpi al tiuj afrikaj semoj flor-iĝi en la Esperanto-komunumo. La movado jam staras sur bonaj reloj en la kontinento. Moralan aliĝon al la 6a AKE ankaŭ ni tre bonvenigos, same kiel materialojn por premii diversajn dumkongresajn ludojn kaj kvizojn.

Firme kredante, ke la sukceso de la 6a AKE fariĝos fundamento de iam okazonta UK en Afriko, ni anticipe kaj kore dankas vian enviciĝon.

**Adjévi Adjé, kunordiganto de AK**
**Lee Jungkee, estrarano de UEA pri Afriko**

# Bazaj informoj pri la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto - AKE

## Lago Tanganjiko



Estas la plej granda dolĉa lago kaj la dua plej profunda en la mondo post la lago Bajkal en Siberio. Ĝi kuŝas meze de naturaj belaĵoj kaj atingas la riveron Kongo kaj Atlantikan Oceanon. Burundo, Tanzanio, DR Kongo kaj Zambio profitas partojn de la lago, kiu kovras areon de 32.900 km2.

Tanganjika lago estas ne nur turisma distraĵloko; ĝiaj ĉirkaŭaĵoj estas ankaŭ aranĝitaj por diversaj ekonomiaj aktivaĵoj. Minoj, bredado kaj agrikulturo estas la ĉefaj ekonomiaj aktivecoj surlokaj. Fiŝkaptado estas ankaŭ grava industrio en la lago, kun grandaj varioj de fiŝoj. Novaj specioj de fiŝoj estas ankaŭ regule trovitaj en la lago 350 specioj de ekzistantaj fiŝoj.

La transportiloj sur la lago estas pramoj, kiuj funkcias inter Kigomo kaj Buĵumburo. Kun averaĝa larĝeco de 50 km, Tanganjika lago prezentas multajn eblojn por akvosportoj. Subakva plonĝado, spirhalta plonĝado kaj la naĝado estas la malsamaj aktivecoj, kiujn oni ŝatas en la lago. En multaj zonoj de la lago, fosilioj de raraj specioj de fiŝoj kaj akvaj bestoj troviĝas. La lago ankaŭ provizas pri multaj ekipaĵoj kaj temoj de esplorado kaj evoluado por la maraj sciencoj.



## Aliĝkotizoj

La baza aliĝkotizo dependas de tri landokategorioj kaj tri aliĝdatoj. ***(Loĝado, manĝado, ekskursoj k.a. servoj pagendas aparte por alikontinentanoj).***

A = Norda Ameriko, Okcidenta Eŭropo, Japanio, suda Koreio, Israelo

B = Landoj de orienta Eŭropo, landoj de suda Ameriko, Ĉinio

C = Afrikanoj

| Aliĝperiodo | **ĝis** 31.12.15 | | | **ĝis** 30.05.16 | | | **Dumkongrese** | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aliĝkategorio | A | B | C | A | B | C | A | B | C |
| Kotizoj en EUR | 20 | 15 | 2 | 30 | 25 | 5 | 40 | 35 | 10 |

****************

## Loĝado

En la kongresejo, krom amasloĝejo, estas unu-, du-, tri kaj kvar-litaj ĉambroj ĉar ĝi estas centro de Pentekosta eklezio. Eblas loĝi tie ege malmultkoste. Tamen en la urbo estas hoteloj kun prezoj ekde 20 € ĉiutage.

********

## Manĝado

La kongreso disponos simplajn burundajn manĝojn (po tri (03) tage: maten, tag- kaj vesper- manĝoj) al ĉiuj gekongresanoj, kiuj pagis siajn aliĝkotizojn.

Ĉar gastoj estas reĝoj, oni klopodos, ke ili ne havu problemojn pri manĝado. KOKO, laŭbezone, proponos al ili apartan manĝon. Tiukaze, la interesiĝantoj bonvolu antaŭkalkuli ĉiutage 10 €, kaj la kongreso ĉiam liveros al ili la preferatan manĝon, ĉu kafon, ĉu verdaĵojn, ĉu specialan bulkon.

***Ĉiuj manĝoj okazos en la kongresejo, ĉiuj partoprenantoj kune.***

**************

## Ekskursoj

DT1 duontaga al arbaro de Kigwena 10 €

DT2 duontaga per buso al *Mugara* 10 €

TT tuttaga (loko decidota) 20 €

***Ĉiu ekskurso okazos, kondiĉe ke minimume 15 (dek kvin) personoj aliĝos.***

## Bonvenon al la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto (AKE 6)



**13-20 aŭgusto 2016**

**"Esperanto, ilo por paco kaj disvolviĝo"**

**Por skribi al la organiza komitato:**
**ake-2016@yahoogroupes.fr**

**Bonvolu ankaŭ viziti la retpaĝaron:**
**www.esperanto-afriko.org**

## Rumonge, Burundo 2016

Pretigita de Afrika Komisiono kunlabore kun la burunda asocio de UEA




Karaj Geesperantistoj,

ANEB, la landa asocio en Burundo, estas la kunorganizanto de la sesa Afrika Kongreso de Esperanto (AKE6). Tiu ĉi kongreso okazos en la urbo Rumonge, de la 13-a ĝis la 20-a de aŭgusto 2016 sub la temo: "Esperanto, ilo por paco kaj disvolviĝo".

La preparoj por la kongreso en Rumonge kreskas, la laboro akumuliĝas kaj la kunsidoj same kiel traktoj multobliĝas. La Kongresa Organiza Komitato (KOKO) disdonis la taskojn, regule renkontiĝas kaj starigis taŭgajn metodojn por certigi sekuran, bonan kaj sukcesan organizadon de la evento.

Rumonge, 70 km oriente de Buĵumburo, estas la urbo en kiu konstruiĝis E-biblioteko. Temas pri konstruaĵo entenanta plurajn ĉambrojn i.a kunvenejon, gastĉambrojn, klasojn... Ĝi konstruiĝis dum kvar jaroj danke al la fondaĵo "*Esperanto en Evoluo*" kaj solene malfermiĝis al la publiko la 7-an de septembro 2013.

AKE estas tutkontinenta manifestacio de la parolantoj de Esperanto. Ĝi celas fortigi la solidarecon inter afrikanoj, progresigi la movadon kaj studi ĝiajn problemojn. Kvankam tiu tradicio ekis en 1990 kaj do estos jam 26-jara en 2016, la AKE en Rumonge portos la numeron 6, ĉar dum la periodo 1997-2012 ĝi ne povis okazi.

Eble pro iu aŭ alia kialo, vi mem ne povos ĉeesti la kongreson por rekte kontribui al ĝia riĉiĝo. Sed vi ja povas subteni la aranĝon, ĉu organizante reklamon pri ĝi, ĉu donacante monsumon al la *Fondaĵo Afriko* ĉe UEA kun indiko "AKE 2016". Bonvolu senhezite helpi por la vigligo kaj fortigo de Esperanto en Afriko. Ni antaŭdankas vin!

**Adjévi Adjé, kunordiganto de Afrika Komisiono**

## Bonvenon en Burundo

## Mapo de Burundo




**Folklora grupo en Rumonge**



Preparita de Afrika Komisiono kunlabore kun la burunda asocio de UEA

## Informe...

Kvankam temas pri Afrika kongreso, AKE tradicie rolas kiel okazo por Esperanto-parolantoj el Afriko kaj aliaj mondpartoj kunsidi kaj pridiskuti staton de la movado en la kontinento. Ankaŭ por amuziĝi kaj ĝui tiun internacian etoson.

Estas vere, ke jam dekomence, AKE iĝis kvazaŭ monda evento, ĉar en ĝi partoprenas geesperantistoj el aliaj kontinentoj. Kaj eksterafrikaj gastoj ankaŭ anonciĝas por 2016!

La aranĝo kunigas ĝenerale gejunulojn, kiuj partoprenas en la kutime interesaj kaj variaj programeroj. Ĉiam estas okazo labori, lerni, sperti novajn aferojn, amikiĝi, renkonti aktivulojn nur letere konitaj, sed ankaŭ danci, ĉeesti teatraĵojn dum la kulturaj vesperoj.



Unu el la plej interesaj programeroj estos la ekskursoj al:

### Arbaro de Kigwena

Peri-gvinea arbaro, riĉega en flaŭro kaj faŭno: superabunda vegetaĵaro, grandaj Calaos (birdoj), diversaj simioj (el kiuj pavianoj vivas en grandaj familioj kaj aliaj primatoj), sed ankaŭ multaj specioj de birdoj kaj papilioj. Temas pri pitoreska arbaro, ununura en Burundo, ĉar estas la sola natura ekvatora rezervo en la lando. Ĉiĉerono gvidas la vizitantojn tra la arbaro per labirintaj vojoj.